# La Belga Sonorilo

BELGA GAZETO ESPERANTISTA.

## TRIA JARO.

SEPTEMBRO 1904-1905.



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE.

IMPRIMEUR-ÉDITEUR
NOUVELLE PROMENADE, 4
BRUGES.

DRUKKER-UITGEVER
NIEUWE WANDELING, 4
BRUGGE.

700.141 — C Period.

# ENHAVO

## de la tria jarkolekto, Septembro 1904-1905.

### Kun Franca kaj Flandra tradukoj.



### Sen traduko.

mirigas min la sciigo ke jen staras antaŭ mi la fama prezidanto de l' grupo de Boulogne-sur-Mer, advokato Michaux. Li prezentas al mi fremdmienan junulon, kies brunaj okuloj, vigle kaj inteligente briletantaj, atentigas al lia simpatia vizaĝo : li estas Bohemo, S^ro Ed. Kühnl, el Praha, jam de kelkaj semajnoj vojaĝanta tra Eŭropo uzante nur Esperanton ; jam la pasintan jaron, li faris longan saman vojaĝon kaj, pro uzado tiel longa de Esperanto, li plej lerte kaj plej rapide, en maniero vere mirinda parolas nian lingvon.

Interparolante kun li kaj sekvante grupon da aliaj ĵus alvenintaj amikoj, mi aliras tra la malgranda urbo al la grupa sidejo. Tie, en ronda bele ornamita ĉambrego, jam kunvenis multo da samideanoj kaj kun plej granda plezuro mi konatiĝas kun ili : jen S^ro Kapitano A. Capé, el Alger, Prezidanto de l' Grupo de Alger kaj de Norda Afriko, nia nuna plej admirinda propagandisto : malgranda, vigla, kun plej simpatia kaj energia vizaĝo, tre amikiĝema, S^ro Capé vere montras la eksteraĵon de fervorega batalanto kaj, tuj kiam mi lin vidas, subite ekaperas en mia cerbo la amata figuraĵo de nia plej eminenta Belga propagandisto, Kom^to Lemaire : ambaŭ vere ĉiel similas kaj la foresto, en tiu momento, de tia amiko, penadanta malproksimege de ni en Meza Afriko, plenigas la koron per akra bedaŭro. Jen S^ro Menu de Ménil, el Parizo, nia tre konata Esperantista rapsodo kaj verkisto kuraĝa de la « Tutmonda Jarlibro » ; jen ankaŭ S^oj Broca, Perrin kaj Demogue, komitatanoj de l' Grupo de Calais ; ankaŭ tre konataj S^roj Pourcines el Nancy, Mathon el Clermont-Ferrand, Wicart kaj Lamère el Roubaix, D^ro Margerin kaj Bastien el Valenciennes, Deligny el Saint-Omer, k. c., k. c. Jen aperas unu el la plej indaj, plej simpatiaj francaj propagandistoj, S^ro A. Offret, profesoro ĉe la Universitato de Lyon : plej plezure mi persone konatiĝas kun li post ofta interkorespondado por propagandaj celoj. Ankaŭ blankaj vestaĵoj de amindaj samideaninoj ĝojigas la korojn, briligas la junulajn okulojn ; kaj en mia kapo resonas la germanstudenta kanto : « *O quam bonum et jucundum* ... »

Sed, jen ĉiuj ekmoviĝas, sin interpuŝas... kio estas ?... mi paŝas antaŭen kaj ekvidas la Anglajn amikojn, kiujn kondukas la tre afabla sekretario de l' Grupo de Calais : S^ro A. Carpente. Ĉiuj manoj etendiĝas al ili. Jen S^ro H. B. Mudie, la agema direktoro de « The Esperantist » : granda junulo, dolĉa mieno, blondaj harbukloj, ora okulvitro, entute plej agrabla eksteraĵo ; jen S^ro Reeve : aminda, artista, tre juna vizaĝo kun duongriza hararo ; jen ankoraŭ S^ro Geddes, sekretario de l' Grupo de Dover kaj multaj aliaj el Londono kaj Dover.

Nun komenciĝas la festo : paroladeto de D^ro Guyot, prezidanto de l' Grupo de Calais, glasoj da vino, oranĝoj.... sed, flanke de mi, S^ro Pourcines laŭte protestas je l' nomo de sia malkontentega stomako kaj min altiras for de la sidejo al la restoracio, kien ni unuaj alvenas por matenmanĝi. Nin baldaŭ sekvas la aliaj ; sed iom da timemo ankoraŭ malhelpas interrilatadon nepre senĝenan kaj, pro tio, nerimarkinde kvankam plej amike satiĝas la internaciaj apetitoj. Sidante inter S^roj Capé kaj Menu de Ménil, mi tie pasigas tre plezurajn momentojn kaj mi longe babiladas kun ili pri la Esperantaj okazintaĵoj de Francujo kaj Alĝerujo.

Post la manĝo restas du horoj antaŭ la Esperantista kunveno kaj oni uzos ilin por viziti la urbon kaj la havenon : ambaŭ ne estas belaj kaj montras nur kelkajn vidindaĵojn. Estas hodiaŭ karnavala tago : malbelegaj, malpuraj maskitoj vagadas tra la urbo. Pli plezure mi vizitas la maristan kvartalon kie, pro la festa tago, densa marista popolo plenigas la mallarĝajn stratojn : virinoj strange vestitaj promenadas gajkore ridante kaj mokante, el la plenaj drinkejoj aŭdiĝas bruo kaj muziko, viroj krias kaj kantas, ĉie malbonaj odoroj, polvo, interpuŝado kaj mi foriras de la popolamaso al la marbordo. Tien mi alvenas en la momento kiam Ministro Pelletan elŝipiĝas el kontraŭ-torpedoboato : la fama Franca ministro, nepre vestita kiel modesta burĝo, eniras en veturilon kaj, irante al la urbo, trairas la indiferentan ĉeestantaron ; morgaŭ li alestos la kuradon de aŭtomobilaj boatoj.

Sed la tempo mankas por daŭrigi la promenadon kaj mi rapidas al la grupa sidejo kien jam alvenis nur Kap^no Capé. Baldaŭ la bela ĉambrego estas plena kaj D^ro Guyot, leginte telegramojn de S^ro de Beaufront, de l'Esperantistoj Germanaj, Svisaj, k. c., tuj proponas ke Kap^no Capé prezidu la kunvenon : oni laŭtege kaj longatempe aplaŭdas dum la tre simpatia oficiro sidiĝas en la prezidantan seĝegon ; ĉirkaŭ li sidiĝas la delegitoj de l' diversaj nacioj kaj la prezidantoj aŭ sekretarioj de l' francaj grupoj. Per kelkaj afablaj vortoj, S^ro Capé dankas pro la farita honoro ; tiam paroladas ĉiuj ĉirkaŭantaj la prezidanton : inter ili estas riprezentantoj de almenaŭ 4 diversaj nacioj : Francoj, Angloj, 1 Bohemo, 1 Flandrano, kaj la tuta ĉeestantaro miras (sed ĉu estas ankoraŭ necese pruvi faktojn jam milfoje pruvitajn) pri la tre facila elparolado kaj komprenebleco de ĉiuj parolantoj. Kelkaj inter ili malvolvis interesajn ideojn kies unu eĉ naskis amikan disputadon. S^ro Kühnl insiste parolis pri la neceseco elirigi D^ron Zamenhof el lia memvola izoleco kaj tiamaniere estigi rajtigitan estraron por la kreado kaj aprobado de l' novaj (precipe teknikaj) vortoj ; mi ĉi tie aldonos ke mi nepre konsentas kun mia amiko Kühnl kaj ke ŝajnas al mi urĝege starigi plejefikan barilon kontraŭ la vortkrea malsano de pli ol unu el niaj amikoj ; jam oni povis sperti, laŭ mia opinio, ke « Internacia Scienca Revuo » (mi kompreneble aludas nur pri la vortkrea flanko de la Revuo) estas rimedo ne nur tute senrajta kaj senpova sed, plie, rimedo pli malutila ol utila kaj tre rapide kondukonta nian lingvon en teruran vortaran ĥaoson ; estas necesege ke tia situacio senprokraste aliiĝu.

S^ro Kühnl ankaŭ priparolis la Esperantan akcenton, opiniante ke almenaŭ en la rapida dirado oni povas senzorgi ĝin : sed tuj kontraŭparolis S^roj H. B. Mudie kaj Mathon ; mi ankaŭ iom pritraktis tiun temon, provante pruvi la gravecon de la akcento por la harmonio de Esperanto : efektive, mi opinias ke tiun harmonion alportas precipe tri faktoj : 1) la internacieco de l' vortoj, pro kiu la lingvo por ĉiuj homoj ŝajnas esti io parenca, simila al la amata gepatra lingvo 2) la dolĉaj vokalaj finiĝoj de l' plejmulto da vortoj 3) precipe la akcentado de la antaŭ-

lasta silabo : ĉi jena regulo ĉefe influas sur la lingva sonado kaj, se oni ĝin forigus, nia lingvo fariĝus simila, kiel mi tiam diris, al korpo mortinta.

Oni kutime opinias ke inter la diversnacianoj ĉiam ekzistos iaj tre malgrandaj diferencoj en la akcentado kaj elparolado : mia sperto jam obligas konsenti pri tio sed estas ankaŭ tute certe ke tiuj malgrandaj diferencoj absolute neniel malhelpas al la tre facila reciproka interkompreniĝo, tute certe ke tiuj diferencoj estas (permesu tian diron) preskaŭ nur teoriaj, neniel praktikaj : sekve de tio, la lingvo staras, vivas kaj malvolviĝas kvazaŭ ili ne ekzistus. Tamen, mi devas ankaŭ kontraŭfrapi la opinion pri la neebleco de ĝenerala perfekta akcentado ; pri tio mi donos gravan ekzemplon : kvankam la Anglaj amikoj, kies diradon mi aŭdis en Calais kaj Dover, plej facile kaj plej rapide parolis Esperanton, tamen tre atentante oni povis ekscii pri ilia angla deveno ; sed, la sekvantan tagon post mia reveno de Calais, min vizitis en Kortrejko 3 Anglaj Esperantistoj el Keighley : du el ili, S^{oj} Rhodes kaj Ellis, mi tion certigas nepre sincere, havis elparoladon kaj akcentadon Esperantajn vere perfektajn kaj estis neeble ekscii per ilia dirado ke ili estas Angloj. Tamen oni scias ke la Angloj, pli malfacile ol ĉiu ajn, povas nekonigi sian devenon en la lernado kaj uzado de fremdaj lingvoj ; sed tiuj du Esperantistoj konfesis ke ili tre klopodis por akiri bonan elparoladon kaj precipe atentis al laŭta sonigo de la litero *r* kies konfuza sono preskaŭ ĉiam malkaŝas la Anglojn. Konkludo : mi opinias ke ĉiuj Esperantistoj, el ĉiu ajn nacio, povas tre atentante akiri elparoladon perfektan sed ke tia akiro neniam efektiviĝos ĉe la plejmulto de la Esperantistoj ; ke, ĉe ĉi tiuj lingvanoj, la tre malgrandaj diferencoj estos tute negravaj kaj neatentindaj.

Sed mi revenu al la kunveno de Calais : la interdisputo pri la akcento finiĝis plej amike : S^{ro} Kühnl tute konsentis kun la aliaj parolintoj pri la neceseco atenti al regula akcentado kaj certigis ke oni nebone komprenis lian opinion.

S^{ro} Pourcines tiam proponas 1) ke la tuta Esperantistaro posedu nur unu saman signeton, 2) ke oni organizu, la proksiman jaron, saman kunvenon. Tuj leviĝas S^{ro} Michaux, la tiel agema prezidanto de l' Grupo de Boulogne, kaj per plej humoraĵa paroladeto li petas ke la urbo de Boulogne ricevu, la proksiman jaron, la honoron organizi la Unuan Esperantistan Kongreson. Tiu gravega propono, la sciigo pri la fina baldaŭa efektiviĝo de vera Esperantista Kongreso, la konvinkiĝo ke tiu tre grava fakto de la malvolviĝado de nia kara lingvo, pro la lertega direkto de tiu senlaca kaj elokventa fervorulo, sukcesos certe, ĉio tio naskas bruajn kaj longajn aplaŭdojn de la aŭdantaro.

Nun komenciĝas la amuza kaj muzika parto de l' festo : ĝin organizis preskaŭ solaj la amikoj el Boulogne. Post kelkaj fonografaj kantoj kaj deklamoj, oni starigas sur la tablon plej ĝentilan sesjaran filineton de S^{ino} Bergier, vic-prezidantino de l' Grupo de Boulogne : la belulineto, kun elokventaj gestoj kaj mieno, sentime kaj perfekte deklamas mallongan paroladeton : « Mia Mano ». Estas mirinde ! Post ŝi deklamas same ĉarmege kaj same sukcese la filineto de S^{ro} Michaux : « La Kapelo », kaj kune la 3 filinoj de S^{ino} Bergier : « La lupo kaj la ŝafido » : evidente, la sesjarulino estas la dolĉa ŝafido. Ankoraŭ, de malproksime, mi ĉi tie gratulas tiujn tiel amindajn infaninojn kaj dankas ilin pro la kortuŝantaj momentoj kiujn ili donacis al ni.

Estas la vico de l' pliaĝuloj : stariĝinte, oni kantas ĥore « God save the King » kaj « La Marseillaise », tradukitajn en Esperanto ; S^{ino} Bergier bonege kantas « Hispana Romanco » kies muzikan parton verkis S^{ro} Menu de Ménil : la aŭtoro mem akompanas per la fortepiano kaj tiel plibone montras la belecon de tiu harmonia kanto ; S^{ro} Derveaux, kiu posedas voĉon vere tre laŭdindan, kantas « Galateo » kaj « Bonan tagon, Suzo » tradukitajn de li. Ĉiujn tiujn sindonajn artistojn oni tutkore aplaŭdas kaj gratulas. Fine, S^{ro} Reeve, el Londono, por la unua fojo sed ne por la lasta, kantas amerikan popolan kanteton, tradukitan de li : « Kara Lu ! » : la kantisto, senespere frapante sian bruston kaj ploregante, tiel gajige montras la doloron de l' malfeliĉa amanto de l' kara Lu, de l' bela Lulilu, ke li ricevas sukceson vere entuziasman ; ree li devas kanti kaj la rememoro pri tiu « kara Lu » certe ne foriĝos el la spirito de la ĉeestantoj.

Tiel finiĝis la unua tago, meze de l' ĝenerala ĝojo kaj entuziasmo, kaj gajkore oni disiĝas ĝis la sekvanta tago. Antaŭ ol foriri, ĉiuj subskribas komunan dankeman leteron al nia kara Majstro, D^{ro} Zamenhof.

Multe da Esperantistoj tamen aranĝis vesperkunvenon ĉe la marborda Kazino : tien mi iras ankaŭ sed la granda popolamaso ne ebligas renkonti multajn amikojn. Meznokte, kun kelkaj samideanoj, mi reiras al la urbo tra la longa, dezerta vojo kiu interligas la urbon kaj la marbordon kaj baldaŭ ni alvenas al la Urba Kolegio, kies dormejon la Direktoro S^{ro} Broca, vic-prezidanto de l' Grupo de Calais, tre afable prezentis al la Esperantistoj. La rememoro pri tiu vasta nuda ĉambrego kun ĝiaj litoj lokitaj laŭlonge de la muroj, la rememoro pri tiu frata vere internacia dormejo, ankaŭ pri la noktaj, nepriskribeblaj ŝercoj de ia juna petolulo ne rapide perdiĝos kaj, en la estonteco, ofte ridigos la dankemajn gastojn de S^{ro} Broca.

Kvankam mi estas tre laca, lia dia moŝto Morfeo obstine rifuzas donaci al mi sian senlacigan dormon kaj, dum tiu nokto, eĉ ne dum unu minuto mi prosperas dormi. Nebedaŭrinde, je l' 5^{a} matene, ĉiuj jam leviĝas kaj ŝercema amiko fotografas vidaĵojn certe neordinarajn de internacia ellitiĝo.

Mi rapidas al la maro, kie mallonga bano en la malvarma akvo iom plivigligas min. La maro estas kvietega, la ĉielo sennuba : la vetero estos certe tre bela.

Je l' 10^{a} matene, oni kunvenas, babilas, kantas, ĉion aranĝas por la veturo al Dover. S^{ro} Ministro Pelletan, kiun D^{ro} Guyot invitis por ĉeesti nian kunvenon, sin senkulpigas ĉar, pro ia malhelpo, li ne povas veni sed ni ekscias ke li vere interesiĝas pri nia lingvo, tiel same kiel S^{ino} Pelletan kiu insiste petis ke oni sendu al ŝi gramatikon, librojn, k. c. kaj eĉ fariĝis membrino de la Grupo de Calais.

Je l' unua posttagmeze, ni enŝipiĝas en la belan marŝipon « Le Nord » : sur la kvieta maro rapidege glitadas la aŭtomobilaj boatoj kies kurado tuj komenciĝos ; multaj luksŝipoj kaj militŝipoj foriras

el la haveno por ĉeesti la kuradon; baldaŭ ni ankaŭ ekiras kaj ni rapide preteriras ĉiujn ŝipojn kaj preskaŭ ĉiujn boatojn; la aero estas tre hela kaj la eniro de la haveno Dover'a estas vere belega. Ĉe la elŝipiĝejo nin atendas la komitato de l' Dover'a Grupo, la Anglaj amikoj kiuj foriris el Calais dum la pasinta nokto kaj multo da aliaj anglaj Esperantistoj. Rapidaj interprezentoj. Niaj afablaj samideanoj el Dover estas tute mirigitaj: ili atendis nur tridekon aŭ kvindekon da gastoj kaj ni estas 120! Ĉiuj ĝojas kaj ridas; ĉiuflanke briletas la verda steleto de l' espero kaj tie, sur la Angla marbordo, laŭte sonas en la aero la Esperantaj naciaj kantoj de Anglujo kaj Francujo.

La Grupo de Dover ekzistas nur de kelkaj semajnoj kaj ĝiaj anoj, kvankam tre fervoraj, kompreneble ne ankoraŭ povas uzi facile Esperanton. Tial Sro H. B. Mudie estos nia gvidanto: komence li ordonas ke la plej bela parto de nia grupo, la Francaj kaj Anglaj samideaninoj, foriĝu de l' plej malbela ĝis la tagmanĝo; mi protestas sed vane: « Shocking, shocking! » respondas ridante la amiko Mudie kaj li ekkondukas nin por montri la vidindaĵojn de l' urbo. De malproksime sur la maro aŭ de alte ĉe la kastelo, la vidaĵo de Dover kaj de l' ĝin ĉirkaŭantaj montetoj estas ĉarmega; vidate de proksime, ĝi tute ne plibeliĝas. Strangaj, tre strange vestitaj soldatoj kun ilia bastoneto aŭ eĉ peza bastono; jen unu el tiuj fieruloj en nemilitema sintenado: li dolĉe antaŭenpuŝas veturileton en kiu dormetas rozkolora « baby » kaj, ridetante, la vartistino svingas lian bastoneton. Ĉu mi ne estas en Parizo?

Lacaj pro la longa promenado, ni alvenas al la restoracio; ĉi tie ankoraŭ niaj Dover'aj amikoj bonege preparis la feston: la ĉambrego estas bele ornamita, la manĝokartoj estas skribitaj Esperante; bedaŭrinde, pro la neatendita multo da gastoj, mankas sufiĉe da loko, da manĝo kaj da tempo; poste mankas ankaŭ multaj ŝilingoj en la monujo.

Duone satigita, mi rapidas al la festa vesperkunveno organizita ĉe la Urbestrara Domo: la ekstera flanko de l' monumento estas iluminita, bele ornamita per Francaj kaj Anglaj flagoj; supre de la pordego estas alpendita skribaĵo: « Koran Bonvenon al la Esperantistoj ». La kunveno okazas en la riĉa Konsiliĝa Ĉambrego: tre rapide ĝi pleniĝas kaj la festo komenciĝas per Angla paroladeto de l' prezidanto de l' Grupo: Sro Walmisley, ĉefinĝeniero de la haveno kaj eksurbestro; ĝin tradukas Sro Mudie. Nun aŭdiĝas la samaj bonvolaj artistoj kiel hieraŭ; plie ankoraŭ, la anglaj amikoj kantas kvarvoĉan ĥoron, Sro Michaux eldiras tre spritan funebran paroladon pri la morto de Sino Burĝo kaj Sro Bastien tre senteme deklamas la belan poeziaĵon de Dro Zamenhof: « La Vojo ». Pro peto de Sro Mudie, la bohemo Kühnl kaj mi paroladas dum kelkaj momentoj por montri ke la elparolado de la bohemoj kaj de la flandranoj estas simila al tiu de la francoj kaj de la angloj.

En flanka ĉambro, la malavara kaj tre afabla urbestraro starigis tablon tute kovritan per nutraĵoj, glaciaĵoj, bonegaj anglaj sukeraĵoj kaj ĉiuspecaj trinkaĵoj; post nesufiĉa tagmanĝo, oni kompreneble tre profitas je tio. Je l' fino de tiu bela kunveno, dum oni trinkas glason da ĉampana vino, Soj Guyot kaj Geddes faras du ĉarmajn paroladetojn. Nia akcepto ĉe la Anglaj Esperantistoj estis vere korega kaj tre lerte preparita; la vespera festo precipe tre bone sukcesis: pri ĉio ni estas tre dankemaj al ili, precipe al la organizintoj: Soj Geddes kaj Finez, kaj ni estas konvinkitaj ke tiu kunveno havos bonegan influon sur la Angla Esperantista movado.

Iom malĝoja pro la finiĝo de tiu vere frata festo, mi aliras al la enŝipiĝejo; jam la plejmulto tien alvenis. Post longaj adiaŭaĵoj kaj sennombraj manpremoj, fine la forirantoj eniras en la ŝipon kaj nun ni estas du grandaj grupoj: unu sur la enŝipiĝejo, alia sur la ferdeko de la ŝipo. Estas preskaŭ meznokte: en la dubeblua ĉielo briletas la esperigaj steloj, ĉirkaŭ la senmova ŝipo la nigra nokto etendiĝas sur la kvieta maro. Subite en la aero trankvila sonas la religiema nacia angla kanto: ĝia malrapida harmonio estas strange impresiga kaj, ĝin aŭdinte, la nokto ŝajnas plidensiĝi ĉirkaŭ ni. Sed nun niaj Anglaj amikoj ekkantas la viglan « Marseillaise », kies fieraj kaj sangaj krioj ŝiras la aeron kaj redonas la ĝojon; la entuziasmo ambaŭflanke pligrandiĝas: oni kantas ĉiuspecajn amuzajn kantojn, oni krias kaj aplaŭdas; oni alvokas Son Reeve kaj, je kelkaj metroj de ni, la ĝajulo aŭdigas sian doloron pro la « kara Lu » kaj ĉiuj ĉeestantoj ĥore kantas la ĝojigan rekantaĵon pri tiu senkompata Lulilu.

Sed subite aŭdiĝas akrega fajfego, la maristoj malligas la ŝnuregojn: la ŝipo tuj ekforiros; ĉiuj manoj etendiĝas, ĉiuspecaj krioj resonas en la nokto: « Vivu Esperanto! », « Vivu Zamenhof », « Vivu internacia frateco », « Hip, hip, hurrah! Hip, hip, hurrah! » Konfuza maŝina bruego aŭdiĝas el la profundaĵo, la tuta ŝipo ektremas, ordonoj kaj fajfoj senĉese intermiksiĝas, la akvo ege skuiĝas: malrapide plilarĝiĝas la interspaco al la enŝipiĝejo; kaj, en tiu momento, ree sonas la majesta, impresiga angla kanto. Ni haltas, nur dum unu momento; bruegante ekturniĝas la grandegaj ŝipradoj kaj la ŝipo jam rapide ekiras al la maro; ambaŭflanke oni agitas ĉapelojn kaj naztukojn, voĉoj laŭte ekkrias: « Vivu Esperanto! Hip, hip, hurrah! » sed la okuloj nenion plu vidas; el la malproksimo aŭdiĝas ankoraŭ senfortigita ekkrio kaj nin jam tute ĉirkaŭas tiu stranga hela mallumo de l' surmaraj noktoj.

Lastan cigaredon fumante, mi rapide paŝadas sur la ferdeko. Bruas ankoraŭ en la oreloj kaj en la koro la adiaŭaj krioj de la frata disiĝo; jam ektimas la animo pro la baldaŭa foriĝo de tiom da aliaj amikoj; dolĉa, nepriskribebla sento de feliĉa malĝojo flirtadas ĉirkaŭ mi kaj senbrue eniĝas en la spiriton. Nia grandegulo glitadas preskaŭ senmove sur la kvieta maro; je l' du flankoj, la potencaj radoj kiel monstraj brakoj frapadas senĉese la akvon kaj ĉiuflanken disskuas blankan ŝaŭmon; sur la alta masto, la brilega lumo de elektra reflektoro, kiel terura Ciklopa okulego, ĵetas al la stelplena Senlimo blankan luman faskon, kiu vane klopodas trabori la nokton kaj nevideble perdiĝas en ĝi. La maro estas mirinde fosforluma: la suproj de l' inter-

puŝantaj ondetoj briletas kiel moviĝadantaj flametoj kaj la ŝipo, mara monstregulo, antaŭennaĝadas en bruanta turniĝo de ŝaŭmo kaj fajro.

Sur la ferdeko, kie restis ĉiuj Esperantistoj, peza silentado anstataŭas la ĵusajn ĝojajn kantoin kaj kriojn; la virinoj estas kuŝataj sur maraj seĝegoj kaj, dorlote envolvitaj en la blankajn vestaĵojn netimas la noktan maran malvarmon; rapide alproksimiĝas la momento kiam finiĝos tiuj feliĉigaj internaciaj festoj, kiam disiĝos en ĉiujn flankojn, post tro mallonga kunveno, ĉiuj tiuj amataj amikoj, ĝis hieraŭ neniam viditaj.

Mi sonĝadas pri tio kaj pri nia senlaca batalado; mi sonĝadas pri la venontaj tempoj kaj dezirus disŝiri la vualon kiu kaŝas la estontecon al mia spirito; mi... sed akra ordona ekfajfo ekaŭdiĝas kaj la alta Ciklopa okulego, ĉesinte enpenetri per la fasko en la Senlimon, ĵetas sian brilegan rigardon al la vastega maro; la okulo senĉese moviĝas kaj serĉas sur nia vojo la antaŭsentitan danĝeron kaj jen... ho, kiel bele!... jen en la ronda brila fasko subite aperis malgranda velŝipo; nun ree la okulo senmoviĝas kaj rigardadas la senfortan vaganton kiu, meze de nia vojo, kvazaŭ ia magia vidaĵo, ia ŝipa fantomo, dolĉe balanciĝas sur la maraj ondoj. En la brilega senmova rondo, en tiu stranga iom dubeverda lumaĵo, oni malkonfuze vidas ĉiujn partojn de la ŝipeto, la maristojn kiuj kuradas sur ĝi, la ruĝan gardistan lumon. Estas impresiga vidaĵo. Dolĉe, konfideme, en la supernatura sunsimila blankaĵo, la ŝipeto daŭrigas sian balanciĝadon dum nia bruanta monstregulo, per rapidega naĝado, rekte kuras al ĝi; jam ni estas tuj falontaj sur ĝin sed ree sonas akra ekfajfo: ree la Ciklopa okulo sin turnas al la Senlimo, ree ni enpenetras la pezan malĝojan nokton kaj, post kelkaj momentoj kiuj ŝajnas jarcentoj, mi vidas, je l' maldekstra flanko, nur je tre malgranda interspaco de ni, la ŝipeton kiu, jam duone droninta en la mallumo, sentime daŭrigas sian iradon al nekonata celo. Mi ne scias ĉu mi revas aŭ ne; flanke de mi, kelkaj amikoj rigardas la strangan vidaĵon kaj sendube sin demandas, kiel mi, ĉu ne montriĝis al ni ia figuraĵo de nia malfacila entrepreno, vaganta sur profundega maro, je ĉiu paŝo minacata de teruraj danĝeroj, sed kiun defendas la potenca okulo, la brilega lumo de l' fatala homara progresado.

Jam ni albordiĝas, elŝipiĝas kaj iras al la Stacidoma Hotelo kie oni trinkos kune lastan adiaŭan glason. Estas la unua matene. Post kelkaj minutoj, multaj Esperantistoj jam foriros per la rapidaj vagonaroj; aliaj (ankaŭ mi) pasigos la nokton en Calais kaj foriros nur je l' tagmezo. Ĉiuj laŭte ĝojas pro la sukceso de l' festoj. Tro da sentoj diversaj malkvietigis ĉe mi la animon kaj mi deziras foriĝi por rememori, en la nokta soleco, ĉiujn okazintaĵojn sed la afabla amiko S^ro^ Carpente min detenas. Ankoraŭ en tiuj lastaj momentoj, la senlaca S^ro^ Michaux prezidas en la babilado; oni ridas, ŝercas, krias: « Vivu Michaux », « Vivu Capé », « Vivu Guyot », k. c. Oni precipe priparolas la gravan proponon de S^ro^ Michaux pri la organizo, en 1905, de la Unua Esperantista Kongreso: ĉiuj laŭdas la sindonemon kaj la fervoron de tiu miriga propagandisto, ĉiuj estas certaj pri la granda sukceso de tiu Kongreso kaj promesas alesti al ĝi.

Fine, tre malfrue aŭ plibone tre frue en la mateno, lastafoje kunpremiĝas ĉies manoj kaj, dum ĉiuj sin ~~lastafoje~~ intersalutas, multfoje sonas en la nokto la dolĉa esperiga vorto:

Ĝis revido!

D^ro^ Maurice SEYNAEVE.

## Inter la Belga Esperantistaro.

### Notoj de Anglaj vizitintoj.

Dum la Aŭgusta monato tri Anglaj Esperantistoj faris vojaĝon en Belgujon. Ni estis S^o^ John Ellis, sekretario de The Esperanto Society — la unuafondita en Granda Britujo — S^o^ W.T. Clark, membro, kaj la skribanto de tiuj ĉi linioj, S^o^ Jozefo Rhodes, (Prezidanto). La viziton oni faris, ne por vidi la mondfamajn pentraĵojn kaj konstruaĵojn de la lando, nek por admiri la terkulturon, kiu faras de ĝi unu ĝardenon, sed por rigardi la agojn kaj studi la metodojn de la propagando de Esperanto, tiel sukcese farita de la Belgaj samideanoj; ne kiel spionoj sed kiel lernantoj ni vizitis vin, kaj ni ĝojas ke ni venis.

Unue, la mirigajn pruvojn de la praktikeco de la kara lingvo, kiujn ni ricevis dum nia vizito al Le Havre (Francujo) en la lasta jaro, preparis nin por atendi egale bonajn de la spertaj Belgaj propagandistoj. Tiuj esperoj estis plenigitaj. De la momento kiam ni rekonis la vizaĝon de S^o^ Coox (kies portreto aperas en la fotografaĵo de « Mari-Terezo ») ĉe la elŝipejo de Antverpeno, ĝis la lastaj adiaŭaj vortoj elŝanĝitaj kun S^o^ Sloutzky en Esneux, la kara lingvo servis perfekte kaj tute facile por ĉiuj bezonoj. Kaj ree oni trovis la elparoladojn inter diversnaciuloj multe malpli diferencajn ol inter diversprovincanoj de la sama nacio. Sed iom plu sur tiu punkto poste.

En Antverpeno, oni avertis nin antaŭe, kelkaj el la agemaj anoj forestis aŭ en militaj ekzercoj aŭ pri aliaj kaŭzoj; kaj estis, tial, tre plezuriga ke ni renkontis tiel multajn kun kiuj ni povis interparoladi. Sinjoron Coox mi ĵus nomis, kaj ni restos tre dankemaj por lia sindonemo, donante tempon kaj laboron por montri al ni la vidindaĵojn de la urbo. La viziton al la interesa kuracejo de D^ro^ Günzbourg, kaj lian bonan klarigon de la specialaĵoj, ni longe memoros. Ankaŭ la ĉeeston kun la anoj en la kunvenejo, kie ni renkontis la spertan profesorinon de Belder, ni dankeme ŝuldas al S^o^ Van de Kerckove kaj la aliaj amikoj. Unufoje plu, la kara lingvo sentigis nin ne kiel fremduloj sed fratoj.

La saman sperton ni trovis en via belega ĉefurbo.

Sinjoro Jozefo Jamin, ĉiekonata de la Esperantistaro por siaj laboroj en la komuna afero, renkontis nin en la stacidomo, kaj dum nia restado en Bruselo li donis al ni malavare de sia tempo kaj penoj. Kiel ni supozis, li parolas bone la karan lingvon, kaj ni esperas ke ni, ankaŭ ne ŝajnis esti al li fremduloj. La saman bonkorecon ni ricevis el la manoj de la tuta Brusela anaro, kaj tre ĝuis la vesperajn interparoladojn, kiujn ni faris kun S° Blanjean kaj la aliaj samideanoj. S°j Jamin kaj Blanjean bone pruvas per sia daŭra entuziasmo por la bona afero ke la propagando estas por ili nenia fantazio, sed sankta laboro.

Inter tiuj ĉi amikoj ni kun ĝojo renkontis unu amikon plu — nome S° Kanef, Bulgaro, kaj ree oni rimarkis ke komprenebleco de Esperanto restas la sama, kia ajn la nacieco de la parolanto. Kaj kiam Belgo parolis, oni ne sciis ĉu Flandrano ĉu Valono parolis. Ni ankaŭ renkontis neesperantistajn amikojn, kiuj interparolis Angle pri Esperanto. Ni esperas ke eble nia rekomendo de la bona lingvo helpos varbi ilin por Esperanto.

Neatendite ni renkontis en Bruselo Anglon, S°n Law, el Londono, kiu estas Esperantisto, kaj trovis ke, same kiel ni, li estis devigita uzi nur Esperanton por interparolado.

Gvidataj de S° Verbank, ni vizitis la militkampon de Vaterlo. Oni ne tro ŝatis konservi la memoron de militado inter la nacioj, sed la vizito mem estis tre plezuriga, sub tia sperta kondukado, kaj la klarigoj faritaj — kompreneble en Esperanto — de S° Verbank, estis tre plenaj. Eble antaŭsignon de la pli paca estonteco oni vidis en la nestojn, kiujn la birdetoj estis konstruintaj en la buŝo kaj la oreloj de la bronza leono sur la artefarita monteto ! Tiel ni esperas!

Pri la tre amuzigaj disputoj kun unu vendistino de ilustritaj poŝtkartoj, oni ne povas tie ĉi skribi. Eble aliloke iom estos trovebla.

Poste ni vizitis Lovenon, kie S° Mathys renkontis nin en la strato kaj tuj fratiĝis. Pri la bela promenado kaj la vespera festeneto mi ne povas diri ĉion, kion mi sentas. La honoron, kiun oni faris al ni tie ĉi, estis ja granda, kaj ni vidis multe de la frukto, kies semon la nelacigebla S° Mathys semis en la lastaj tempoj. Ni lernis, dank' al la bonaj raportoj, faritaj de la fraŭlinoj en la kunveno, la sekreton de la bona sukceso de la movado en tiu ĉi urbo, kaj eble ni plibonigos nian propagandon hejme, imitante la metodojn de S° Mathys kaj liaj gehelpantoj. La vespero, plenigita de rakontoj kaj muziko, estas bona memoro, kaj en la vortoj, kiujn S° Ellis kaj mi parolis, mi esperas ke ni iom esprimis niajn dankojn por la honoro farita al la fremdaj samideanoj. Ni intencas klopodi por ke niajn Esperantistojn imitu tiel bonan ekzemplon.

En Meĥleno, ankaŭ, kie S°j Coox kaj Mathys ree ĉeestis kaj daŭris iliajn amindajn servojn, ni renkontis aliajn Esperantistojn, kaj danke memoris la amindecon de S° Van Peteghem. La mirindan ludadon sur la sonorilaro ni ne povas forgesi.

Same en Bruĝo ni renkontis, en S° Lekeu, la saman deziron servi la bezonojn de la vizitantoj. Kvankam li ne povis montri al ni grandan amason de Esperantistoj lokaj, li tre bone parolas Esperanton kaj nelace daŭras siajn penadojn por la propagando. Li ankaŭ faris al ni la plezuron konatiĝi kun S° Witteryck ; kies sindonajn laborojn por la bona afero la tuta Esperantistaro bone konas. Estus bedaŭrinde se oni ne sufiĉe subapogus pionirojn tiel agemajn kiel li. Al Sinjoro Lekeu ni ankaŭ ŝuldas kelkajn plezurajn horojn sur la marbordo en Blankenberghe. Inter multaj aliaj parolaĵoj, oni diskutis kun li la aferojn Kongolandajn. Poste ni reiris Bruĝon kaj vidis iom pli de la vidindaĵoj de tiu ĉi belega urbo.

Nia pilgrimiro ne estis finita, tamen. Ni devis viziti Genton, kie Sinjoro Cogen tenas la fortikaĵon por Esperanto. Li montris al ni multajn interesaĵojn, kaj parolis pri la propagando tre facile kaj tre pure.

Al Kortrejko oni veturis por viziti D^ron Seynaeve, kies laborojn por Esperanto oni bone konas. Li ĵus estis reveninta el Dovero, kie li ĉeestis ĉe la kunveno Esperantista de Francaj kaj Anglaj anoj. La kunveno tre plezurigis lin, kaj nin ankaŭ. Ni ne forgesis la proponon, kiun faris S° Seynaeve la lastan jaron por aranĝi similan kunvenon internacian. Dum nia restado en Kortrejko S° Seynaeve kaj Gorieckx montris al ni multajn interesaĵojn, inter kiuj ni bone memoros la viziton ĉe la pruntejo antikva, kaj la preparadon de la lino sur la rivera bordo. Kaj la sperta interparolado de la du amikoj faris al ni grandan plezuron.

Ni lastan viziton faris al Lieĝo. Ni ne sukcesis renkonti amikojn Esperantistajn en la urbo mem, sed ni trovis S°n Sloutzky en la bela vilaĝo de Esneux. La bonveno, kiun li faris al la vizitantoj neatenditaj, estis tre bonkora, kaj lia amindeco kaj gastamo rebrilas honoron sur li mem kaj la nacio al kiu li apartenas. Pro mi mem, mi neniam forgesos lian bonecon dum nokto de malsaneco.

La elparolado de S° Sloutzky — la unua Ruso, kiun ni renkontis ĝis nun — estis tute same kiel la aliaj, kaj li tre ĝojigis nin, dirante ke li povis perfekte kompreni niajn vortojn, kaj ke nia elparolado estas tute konforma al la reguloj de la Majstro, kun kiu li mem interparoladis en Varsovio.

Kaj tiamaniere finis nian esploradon de la Belga Esperantistejo. Ni ja trovis ke en via lando ekzistas multe da laboremaj entuziasmuloj, kiuj sindoneme penadas por la disvastigado de la internacia lingvo. Kuraĝu, karaj geamikoj, kaj daŭrigu la bonajn agadojn ! Ni estas feliĉaj havi la plezuron viziti ilin. Nia kuraĝo kaj espero estas refortigitaj, kaj eble la freŝaj pruvoj faritaj de nia interparoladoj kun la kondukantoj de la movado helpos iom vian propran bataladon kontraŭ skeptikismo, kiu devas antaŭnelonge konfesi ke ĝi estas venkita per faktoj ne plu neigeblaj.

Kun tre koraj sentoj kaj multe da dankoj de S°j Ellis kaj Clark kaj mi mem.

Via en la bona afero
Jozefo RHODES.
(5260)
Prezidanto de « The Esperanto Society »,
Keighley, Anglujo.




## La Unua Esperantista Kongreso

### de Boulogne s/Mer, en 1905.

Jen estas la gravega novaĵo kiun ni, inter la unuaj, estas feliĉaj sciigi al niaj legantoj kaj kiu sendube donos al ili tre grandan plezuron.

Oni legos en alia artikolo de ĉi tiu numero ke, dum la ĵusa Esperantista kunveno de Calais-Dover, unu el niaj plej sindonemaj amikoj, S^ro^ Advokato Michaux, prezidanto de l' grupo de Boulogne s/Mer, petis ke lia grupo ricevu la honoron organizi, dum la somero de 1905, la Unuan Esperantistan Kongreson.

La Belgaj Esperantistoj estas tro ege konvinkataj pri la grandega graveco de tia faro kaj pri la neŝatindaj influoj de tiu kongreso sur la estonteco de nia lingvo por ke ili povu ne entuziasme aprobi tiun projekton kaj ne prezenti al la organizontoj sian tutan eblan apogadon.

El la tuta koro ni gratulas la kuraĝajn Esperantistojn de Boulogne ĉar, se la sukceso de tiu kongreso estos por ili granda honoro, ĝia preparado estos laboro multe pli granda kaj nur tiuj, kiuj iam okupiĝis pri tia afero, ŝatos la verecon de tiu diro. Ni esperas ke ĉiuj Esperantistaj ĵurnaloj, ĉiuj grupoj, ĉiuj izolataj Esperantistoj, forĵetinte ĉiujn malgravajn disputajn ideojn kaj atentante nur la solan utilon de nia kara entrepreno, donos al niaj amikoj el Boulogne sindoneman, senliman kaj ĉiaman helpadon.

### Le Premier Congrès Espérantiste à Boulogne-sur-Mer, en 1905.

Telle est la nouvelle excessivement importante que nous sommes heureux de pouvoir annoncer parmi les premiers à nos lecteurs et qui leur causera sans doute un bien grand plaisir.

Comme le relate un autre article de ce numéro, c'est lors de la récente réunion Espérantiste de Calais-Douvres qu'un de nos amis les plus dévoués, M. l'avocat Michaux, Président du Groupe de Boulogne-sur-Mer, a sollicité pour son groupe l'honneur de pouvoir organiser, pendant l'été de 1905, le Premier Congrès Espérantiste.

Les Espérantistes Belges sont trop intimement convaincus de l'importance extrême d'une telle manifestation et des conséquences inappréciables que ce Congrès exercera sur l'avenir de notre langue pour ne pas approuver cette idée avec enthousiasme, pour ne pas offrir aux organisateurs tout l'appui dont ils sont capables.

Nous félicitons de tout cœur les vaillants Espérantistes de Boulogne car, si la réussite de ce congrès constituera pour eux un grand honneur, son organisation constituera encore une bien plus lourde charge et ceux-là seuls, s'étant jamais occupés de pareilles questions, peuvent apprécier la vérité de ces paroles. Nous espérons que tous les journaux Espérantistes, tous les groupes, tous les Espérantistes isolés, se plaçant au-dessus des questions mesquines qui pourraient être soulevées et n'envisageant que l'intérêt supérieur de notre chère entreprise, prêteront à nos amis de Boulogne un concours dévoué, sans restriction et de tous les instants

### Het eerste Esperantisch Congres te Boulogne-aan-Zee, in 1905.

*Zulks is het hoogst belangrijke nieuws dat wij zoo gelukkig zijn onder de eersten onzen lezers te mogen aankondigen en dat zonder twijfel eene zeer groote vreugde zal veroorzaken.*

*Zooals een ander artikel van dit nummer het bespreekt, het is ter gelegenheid der onlangs gehouden Esperantische bijeenkomst van Kales-Dover, dat een onzer verkleefdste vrienden, de Heer advokaat Michaux, Voorzitter der groep van Boulogne-aan-zee, voor zijne groep de eere aangevraagd heeft om, binst den Zomer van 1905, het eerste Esperantisch Congres te mogen inrichten.*

*De Belgische Esperantisten zijn al te zeer overtuigd van het uiterste belang van zulk eene betooging en van de onberekenbare gevolgen welke dit Congres op de toekomst onzer taal zal teweeg brengen, om dit gedacht niet met geestdrift goed te keuren, om aan de inrichters niet al den steun te geven, tot welken zij bekwaam zijn.*

*Wij wenschen uit ganscher harte geluk aan de moedige Esperantisten van Boulogne; want, indien het wellukken van dit Congres voor hen eene groote eer zal daarstellen, zijne inrichting zal eene nog veel lastigere taak uitmaken, en dezen alleen, die zich ooit met zulkdanige zaken bezighielden, kunnen de waarheid dezer woorden beseffen. Wij hopen dat al de Esperantische bladen, alle groepen, alle verwijderde Esperantisten, zich plaatsende boven de kleinzinnige zaken die zouden kunnen opgeworpen worden en, slechts het hooger belang onzer lieve onderneming inziende, aan onze vrienden van Boulogne eene verkleefde medewerking, zonder voorbehoud en van alle oogenblikken, zullen verleenen.*

La urbo de Boulogne, kuŝanta sur la limo inter la du landoj, kiuj vere estas la nuna centro de la Esperantista movado : Francujo kaj Anglujo, estas certe loko prave elektita ĉar, en la momento kiam la tuta agemeco de l' urbegoj alilokiĝas al la marbordo, oni ne povas taksi kiel nefavoran kondiĉon la organizon de nia Unua Kongreso en tia loko. Aliparte, ĉiuj kiuj alestis ĉe la ĵusaj festoj de Calais-Dover kaj vidis la agemon de la senlaca Sro Michaux kaj de liaj kunlaborantoj, nepre estas konvinkitaj ke al neniu pli bone ol ili oni povis altrudi tian laboregon.

Ankoraŭ unu vorto, ne la plej malgrava : la kongreso nepre efektivigos ĉiujn punktojn de la programo kiun Dro Zamenhof majstre proponis en letero diskonigita de ĉiuj niaj gazetoj (vidu nian februaran non, 1904) ; tio signifas ke, malkaŝe forigante ĉian danĝeran disputon, kiu povus iel difekti la unuecon de nia lingvo, la Unua Esperantista Kongreso estos nur gravega elmontro tiel same de la ecoj de Esperanto kiel de la fortoj de la Esperantistoj.

Ni do eklaboru, de hodiaŭ : ni diskonigu tiun ideon kaj ni nasku ĉie la deziron ĉeesti ĉe tiu solena kunveno ; en ĉiu lando, la Esperantistoj pripurolu la rimedojn por ke kiel eble plej multaj aliru al ĝi kaj jam preparu sian kunlaboradon al la festoj kaj laboroj ; tiamaniere, la sukceso estos certa kaj tiu Unua Kongreso, ĉe kiu sendube ĉeestos niaj plej eminentaj kaj amataj estroj, al kiu ĉiuj landoj de l' mondo sendube sendos delegitojn, estigos plejgloran tagon en la historio de Esperanto.

Dro MAUR. SEYNAEVE.

**Gravega sciigo** ! Sro Michaux ĵus sendis al ni la gravegan, bonegan novaĵon ke nia kara Majstro Dro Zamenhof ne nur treege aprobis la Kongreson sed ankoraŭ promesis « *ke li nepre alvenuros* » al ĝi. Antaŭen, Esperantistoj ! Ĉiuj iru al la Kongreso ! La sukceso estos grandega !

Dro M. S.

---

La ville de Boulogne, située sur la limite des deux pays formant en ce moment le centre du monde Espérantiste : la France et l'Angleterre, est certes un endroit bien choisi car, à l'époque où toute la vie des grandes villes se concentre sur les bords de la mer, on ne peut considérer comme une condition défavorable le fait d'organiser dans un tel endroit notre premier congrès. D'autre part, tous ceux qui ont assisté aux récentes fêtes de Calais-Douvres et ont vu à l'œuvre l'inlassable M. Michaux et ses collaborateurs, se sont convaincus qu'un tel travail ne pouvait être confié en de meilleures mains.

Un mot encore, non le moindre : le congrès réalisera de point en point le programme qui a été tracé magistralement par le Dr Zamenhof dans une lettre publiée récemment par tous nos journaux (voir notre nro de février 1904) ; c'est dire que, rejetant formellement toute discussion dangereuse pouvant porter atteinte à l'unité de la langue, le Premier Congrès Espérantiste ne sera qu'une manifestation éclatante tant des qualités de l'Esperanto que des forces des Espérantistes.

A l'œuvre donc, dès aujourd'hui : répandons l'idée et faisons naître partout le désir d'assister à ces assises solennelles ; que dans chaque pays les Espérantistes concertent les moyens de s'y rendre en nombre plus ou moins grand et préparent leur collaboration aux fêtes et aux travaux ; le succès se trouvera ainsi assuré et ce Premier Congrès, auquel assisteront sans doute nos maîtres les plus éminents et les plus aimés, auquel seront sans doute représentés tous les pays du globe, marquera une date des plus glorieuses dans l'histoire de l'Esperanto.

Dr MAUR. SEYNAEVE.

**Une nouvelle capitale** ! M. Michaux nous envoie à l'instant la nouvelle excellente, capitale que notre cher Maître le Dr Zamenhof non seulement approuve très vivement le Congrès mais encore promet « *de s'y rendre certainement* ». En avant, Espérantistes ! que tous soient présents au Congrès ! Le succès sera énorme !

Dr M. S.

*De stad Boulogne, gelegen op de grens der twee landen, die op het oogenblik het middenpunt der Esperantische wereld uitmaken : Frankrijk en Engeland, is zeker eene welgekozene plaats ; want, op den tijd dat geheel het leven der groote steden zich vereenigt op de boorden der zee, kan men het feit van in zulk eene plaats ons eerste congres in te richten, niet als eene ongunstige voorwaarde aanzien. Van een anderen kant, al dezen die aan de onlangs geledene feesten van Kales-Dover, deelgenomen, en den onvermoeibaren Heer Michaux en zijne medewerkers aan 't werk gezien hebben, hebben zich overtuigd dat zulk een werk in geene betere handen kon toevertrouwd worden.*

*Eén woord nog, en het minste niet : het congres zal punt voor punt het programma volgen, dat zoo meesterlijk door Dr Zamenhof vastgesteld is geweest in eenen brief, onlangs door al onze bladen medegedeeld (zie ons nummer van Februari 1904) ; 't is te zeggen dat, alle gevaarlijke redetwisten, kunnende nadeel doen aan de eenheid der taal, stellig verwerpende, het eerste Esperantisch congres slechts eene schitterende betooging zal zijn, zoo van de hoedanigheden van het Esperanto als van de krachten der Esperantisten.*

*Aan 't werk dus, van heden af : verspreiden wij het gedacht en doen wij overal den wensch ontluiken om aan deze plechtige zittingen deel te nemen ; dat in ieder land de Esperantisten de middelen bespreken om er heen te gaan in grooter of kleiner getal en dat zij hunne medewerking aan de feesten en de werkingen voorbereiden ; de bijval zal aldus verzekerd zijn en dit eerste Congres, aan hetwelk ongetwijfeld onze bekwaamste en bemindste meesters zullen deelnemen, bij hetwelk zonder twijfel al de landen der wereld zullen vertegenwoordigd zijn, zal eene der roemrijkste dagteekeningen in de geschiedenis van het Esperanto kenmerken.*

**Belangrijk nieuws** ! *De Heer Michaux zendt ons zooëven het uitmuntend, belangrijk nieuws dat onze duurbare Meester Dr Zamenhof niet alleen levendig het Congres goedkeurt, maar nog belooft* « er voorzeker naartoe te gaan ». *Vooruit Esperantisten ! Dat allen tegenwoordig zijn op het Congres ! De bijval zal overgroot wezen !*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

## La nova batalo de Vaterlo.

### Kiu venkis ?

Kiel ĉiuj famaj lokoj, la batalkampo de Vaterlo (*) estas nun okupita de vera armeo da gvidistoj kaj diversaj vendistoj (ni estu ĝentilaj !) kiuj proponas al la vizitantoj memoraĵojn de la fama batalo — falsajn memoraĵojn por la naivuloj — gvidajn geografiajn planojn, reklamojn por la tieaj restoracioj kaj, kompreneble ilustritajn poŝtkartojn. La vizitantoj alvenas el ĉiuj landoj, tial la aro da gvidistoj kaj vendistoj parolas preskaŭ ĉiujn lingvojn uzitajn en Eŭropo — krom Esperanto.

(*) Vaterlo (Waterloo) kaj Braine l' Alleud, Belgaj vilaĝoj kie okazis la batalo de la Interligitaj Nacioj kontraŭ la Francoj la 18an de Junio 1815.

